# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 04/08/2016 Ducentokdekunua eldono 04/08/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**

**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj




Estas pli ol **480,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# Ekzemploj De Anglaj Kaj Esperantaj Temprilatoj.



En antaŭa artikolo mi klarigis, ke la tipe eŭropaj kombinitaj verbtempoj ne ekzistas en Esperanto, kaj ne bezonas ekzisti en nia lingvo, same kiel en multaj etnaj lingvoj. Por eŭropanoj kiuj tiajn havas, estas nefacila kompreni, ke kompleksaj tempoj esprimatas en Esperanto AŬ, kaj prefere, per adverboj kaj subjunkcioj kaj konjunkcioj AŬ, sed malofte uzatinde, per adjektivaj participoj indikantaj staton de substantivo. Ĉi lasta pero trouzatas ĉar ĝi similas, ne samas, al la eŭropaj verbkompleksoj. Ekz. What are they doing? They are singing – Kion ili estas farantaj (= faras)? Ili estas kantantaj (= kantas), kaj Les petits poissons sont mange's des poissons moyens – La fiŝetoj estas manĝataj (= manĝatas) de la mezaj fiŝoj. En Esperanto, genie, unu ago reprezentatas de nur unu vorto, verbo.

Mi ĉi sube donas pliajn ekzemplojn de tiaj nekompleksaj tempofrazoj en Esperanto por la kompleksaj en kelkaj eŭropaj lingvoj.

I have eaten early – J'ai mange' de bonne heure- Ich habe fru'h gegessen, kompleksaj verboj por unu pasinta ago – Mi manĝis frue (unu verbo nur). Mi ne malsatas, ĉar mi jam manĝis.

I had eaten earlier –J'avais mange' auparavant – Ik had al eerder gegeten – Mi jam manĝis antaŭe.

I shall eat (I will be eating) – Ich werde essen – Mi manĝos.

We shall have eaten (= 3 verboj) before going out – Ni manĝos malpost (= antaŭ) ol eliri.

We would come if we had time – Ni venus, se ni havus tempon.

Ich wu'rde zwei Stunden fru'her gegessen haben (3 verboj)–Mi manĝintus du horojn pli frue (1 verbo).

Had he written that letter? Ĉu li antaŭe (=malposte) skribis tiun leteron?

After having dined we will go to the opera – Post vespermanĝi, ni iros rigardi operon.

When we shall have finished the work we shall have dinner – Post kiam (= ol) ni finos (Fininte) la laboron, ni vespermanĝos.

(Sed: Kiam mi estis retrovenanta, mi haltis ĉe la paperisto (= ago interrompita de alia ago).).

(Same: Kiam mi estos retrovenanta, mi haltos ĉe la paperisto. (= ago interrompota de alia ago).).

When I come home to-morrow I shall have visited five countries – Kiam mi hejmvenos morgaŭ, mi antaŭe vizitis kvin landojn. (“kvin iojn” se oni uzas Francio, k.t.p.).

That house took a long time to be built – Tiu domo prenis multan tempon (por) konstruati.

I told you I was coming – Mi diris al ci, ke mi venos.

They stayed indoors while it was raining – Ili restis endome, dum pluvis.

I shall be going at six o’clock – Mi foriros je la sesa.

I had been ill two days before the doctor came – Mi malsanis dum du tagoj antaŭ lia veno.

I had been in India twice before I went to Pakistan – Mi iris Hindujon dufoje antaŭ ol iri al P.

The train will be leaving five minutes before I arrive – La vagonaro foriros kvin minutojn malpost (= antaŭ) ol mi alvenos.

When coming back I shall be going by bus – Kiam mi retrovenos mi peros (= iros per) aŭtobuson.

You will have arrived before the rain sets in – Ci alvenos antaŭ (= malpost) ol la pluvo komenciĝos,

Having had my breakfast, I am leaving – Matenmanĝinte, mi foriras. /antaŭ ol ekpluvos.

(Sed: Don’t interrupt us, we are studying – Ne interrompu nin, ni estas studantaj).

He had been ill two days, when the doctor came – Li jam estis malsana dum du tagoj, kiam venis la kuracisto. (Sed: Se mi estus vidinta lin, mi estus rekoninta lin).

I told you I should do so – Mi diris al ci, ke mi faros tion.

He has succeeded in bringing peace – Li sukcesis alporti pacon,

sed: He has succeeded (and still succeeds) in keeping the two races at peace) – Li plu sukcesas (aŭ Li sukcesis nunen) teni la du rasojn en paco (aŭ: reteni pacon inter la du rasoj).

When do you come home? – Kiam vi hejmvenos?

I shall have been going – Mi foriros antaŭe (= malposte).

Marcel Leereveld.

---

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2016-07-28 AEA raportas:

Nian mallongan lastan Skype estrarkunvenon (28/07/2016) ĉeestis: Joanne, Jonathan, Sandor

### (1) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO

Ni havos “publikan eventon” en Queen’s Street Mall Vendredon, la 13-an de Januaro 2017 vespere.
Jomo kaj Ludmilla Kelloway kantos, …eble ankaŭ nia koruso.
Ni esperas, ke ni donos bonan impreson por la ĝenerala publiko.
Bv informi nin, se vi havas aliajn ideojn.
Bv aliĝi ……kontrolu la retejon.

### (2) ESK

La limdato por la venonta ESK estas la 15-a de Aŭgusto. Bonvolu kontribui.

Venonta kunveono: 11/08/2016 Joanne, Jonathan, Sandor

Eĉ malgranda raporto suficas por reklami vian klubon kaj montri ke ĝi ekzistas. Sendu raportojn al AE pri via klubo. rogerspringer@tpg.com.au

# Pri la UK en Nitro.




La Universalan Kongreson ĉi jare partoprenas nur ses esperantistoj el Aŭstralio. Bedaŭrinde kelkaj el ni havis sanoproblemojn post la longa vojaĝado al Nitro, tiel nur Heather kaj Ŝandor povis ĉeesti dum la tuta tempo en la solena inaŭguro.
La ĉarma urbeto Nitro fakte tute taŭgas por aranĝi UK-on. La nitranoj estas tre entuziasmaj kaj foje ili alparolas la partoprenantojn Esperante. Estas anoncilegoj en la urbo por instrui ilin simplajn frazojn en Esperanto. Kelkaj restoracioj havas esperantlingvajn menuojn.
La nacia vespero okazis sur la ĉefplaco kaj la lokaj homoj ankaŭ povis ĝui la spektaklon senpage. Vendrede vespere okazos la internacia vespero samloke kaj tiam denove la nitranoj senpage povos sperti Esperantan kulturon.
Amike, Ŝandor




Montrofenestro de teotrinkejo.



La Ĉefplaco kie okazas kaj la nacia kaj la internacia vespero La kunstruaĵo estas teatro kie okazas esperantlingvaj teatraĵoj dum la UK



Heather kaj aliulo manaĝas



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La klubo kunvenos Sabaton 6an Aŭgusto. Roger Springer

## ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Anoj kunvenas la unuan Dimanĉon je la monato Je la 11a horo estos aferkunveno. Je la 1ptm estos lunĉo kaj amuzkunveno. Bona oportuno paroli kaj ekzercadi Esperante kaj interkonatiĝi kun la gastoj el Japanujo **Venu Dimanĉon. Je la 7.a de Aŭgusto.** Ĉiuj estos bonvenaj.

# La muzika, pica kunveno ĉe Esperanto-Domo



**Okazis la 30an de Julio, Sabaton, 6ptm.**



Tre sukcesa vespero en Esperanto-domo hodiaŭ kun niaj 2 japanaj gastoj, Benjamin la artisto kaj pluraj novuloj. Ĉirkaŭ 25 homoj ĉeestis.



Bonvolu noti ke Ikuko deziras prezenti japanan paperfaldadon Dimanĉon la 7an. Mi diris al ŝi, ke estos proksimume je la 2a horo.





Nicole Else, Kitagawa Hisasi kaj Kitagawa Ikuko (japanaj gastoj) Hisasi kantas **Amike,Nicole**

http://esperantaretradio.blogspot.com.au/2016/08/pri-la-verba-valento.html?view=magazine










